# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 5) 1935
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)


## T. A. G. E. kaj ĝia neceseco

Esperanton en la lernejon — estas la arda deziro de ĉiuj veraj instruistoj esperantistaj. Sed kion helpas, se instruistoj mem ne interesiĝas sufiĉe pri tiu grava demando. Por atingi la celon, oni fondis antaŭ jaroj TAGE. Sed tiu organizajo nenion povas fari, se ĝi ne ricevas apogon kaj subtenon de ĉiuj esperantistaj instruistoj.

Ni vivas nun en malfacila, kriza epoko. Estas memkompreneble, ke ĝuste por instruistoj esperantistaj la membreco de TAGE signifas grandan oferon. Oni malaltigis la salajron preskaŭ en ĉiuj ŝtatoj kaj landoj, oni devas unue aparteni al la fakaj organizaĵoj kaj pagi sufiĉe altan kotizon, krome mi menciu la abondevigon de multaj fakgazetoj, libroj ktp., se oni volas progresi aŭ almenaŭ resti sur la sama kulturŝtupo. Kaj nun por ĉiu esperantista instruisto estas aparta devo, aboni esperantajn gazetojn, aliĝi al la landa ligo, esti ano de TAGE ktp. Ĉu tio ne estas vera ofero? Jes! Sed kion fari? Ĉu lasi fali la vere necesan organizajon? Tute ne! Ni instruistoj estas idealaj homoj (esperantistoj, instruistoj en duobla grado idealaj) kaj ni venkos ankaŭ tiun krizon. Se ni volas iam atingi nian celon, ni devas per ĉiuj fortoj subteni nian fakan organizajon.

Kiamaniere oni povas tion atingi?

Unue: pere de malalta kotizo. La nuna kotizo ŝajnas al mi iom tro alta. Se ni aldonas, ke IPR aperadas dumonate en malgranda amplekso, oni facile komprenas, ke kelkaj ne estas kontentaj. Mi ankaŭ scias, ke la estraro forte klopodas, ĉion plibonigi. Sed ĉio ne dependas de la estraro. La membroj devas kunhelpi. Se instruistoj aliĝus multnombre, ni baldaŭ havus fortan organizaĵon kaj belaspektan kaj riĉenhavan gazeton, aperantan regule monate, kaj la kotizo per si mem malaltiĝus. Ni ĉiuj deziras belaspektan kaj riĉenhavan revuon. Ĉu la redaktoro mem ĉion prizorgu? Tute ne! Ni kunhelpu per sendado de taŭgaj kaj interesaj artikoloj. Se ĉiu instruisto-esperantisto sendus jare nur du artikoletojn, la redaktoro estus tute senzorga kaj neniam venus en embarason, la gazeto fariĝus pli alloga kaj interesa.

Due: oni presu la gazeton, se nur eble, en lando kun malalta valuto.

Trie: ni lasu flanken ĉion, kio nin ĝeble disigas, kaj ni rigardu nur unu celon: la finvenkon de Esperanto. Al TAGE do povas aliĝi ĉiu, ĉu naciulo, ĉu internaciulo, ĉu katoliko aŭ nekatoliko, ĉu partianoj aŭ nepartianoj ktp. Ni do ĉiuj havas la komunan celon, kiun ni atingus per komunaj fortoj.

Do, aliĝu al TAGE, varbu por TAGE, subtenu ĝin kaj la sukceso baldaŭ estos videbla kaj sentebla.

Golobič Peter

# Eduka Konferencaro,

## Oksfordo, Aŭgusto, 10–17, 1935

La elstarantaj impresoj, kiam oni poste pripensas ĉi tiun plenplenan semajnon estas: — la mirinda organizado, kiu ebligis la kunvenon samtempe de tri grandaj internaciaj konferencoj; la malavara gastigeco de la urbo kaj la universitato de Oksfordo, kaj de la granda angla asocio de geinstruistoj, N. U. T., kiuj gaje kaj ankaŭ solene akceptis, festis kaj gvidis dum la tuta semajno; la multflanka diverseco de la programo, eduke kaj societe; la forta sento, en fakaj kaj amasaj kunvenoj, al pli bona interkompreniĝo inter la nacio; kaj fine la fakto ke T. A. G. E. povis partopreni tian gravan aferon.

Necesas, unue, klarigi ke la tri partoprenintaj asocioj estis:

1. Mondfederacio de Edukaj Asocioj.
   Ne ĉiuj anoj estas geinstruistoj, sed ĉiu membroasocio havas priedukan celon.
2. Internacia Federacio de Asocioj de Geinstruistoj en Gimnazioj.
   Tiu ĉi rilatas ĉefe al la diversspecaj altgradaj lernejoj.
3. Internacia Federacio de Geinstruistaj Asocioj.
   Tiun ĉi plejparte aniĝas la geinstruistoj en popollernejoj.

Unuafoje la tri Federacioj konferencis samtempe, kaj proksimume 2000 partoprenis.

Entute estis 19 fakkonferencoj en 10 apartaj konstruaĵoj. Krome okazis la privataj aferkunvenoj de ĉiu federacio, kaj la publikaj kunigitaj kunvenegoj en Sheldonian Theatre.

La unuan amaskunvenon akceptis la Kanceliero de la Universitato, Viscount Halifax. Li ankaŭ malfermis la bonegan ekspozicion, kiu elmontris, en tri konstruaĵoj, la anglan sistemon de edukado, kaj estis kunmetita de la inspektistoj de la Ministerio de Edukado.

Ĉiu membro ricevis grandan pakaĵon kun konferencliteraturo, kune kun ĉarmaj memoraĵoj: — libro pri Oksfordo mem — ĝiaj tradicioj kaj spirito — kaj bildlibro pri la anglaj lernejoj kun mallongaj historiaj skizoj de ĉiu fako. Havebla ĉe N. U. T. Hamilton House, London. Prezo 2 š.

Dum la vespero de la 10-a, en la koncertĉambrego de la Urbdomo, komforte meblita kiel salono, la konferencanoj amasiĝis, por ricevi la bonvenigon de la prezidanto de la N. U. T., Sro. Brown. La unuan fojon mi partoprenis internacian kongreson kie oni ne uzis komunan lingvon. Stranga

sperto! Io mankis. Ĝenerale, oni aŭdis la anglan lingvon, ĉar la plejmulto estis aŭ Angloj aŭ Usonanoj, sed foje oni preterpasis malgrandan grupon babiladantan france aŭ germane, kaj supozeble japane. Muziko foniĝis. Kelnerinoj rapidis tien kaj tien. Sed, kvankam la atmosfero estis afabla, ne estis la gaja, juna, libera sintenado kiun posedas niaj propraj internaciaj kongresoj. Post multŝatata ripoztago, la serioza programaro komencis lunde.

Preskaŭ ĉiu fakkongreso allogis. Ekzemple, oni pritraktis la preparadon de instruistoj, la edukadon en kamparaj distriktoj: la sanon, la geografion, la komercon, la radion, la filmojn, laŭ la edukada vidpunkto; la interrilatojn inter la hejmo kaj la lernejo; ĉiun gradon de la lerneja sistemo; la universitaton; la edukadon de la plenaĝuloj.

La ĉefaj paroladantoj estis spertuloj en siaj fakoj el diversaj nacioj, ofte gravaj oficistoj, ekzemple en Filminstitutoj, Radio Institucioj, La Ligo de Nacioj; ankaŭ profesoroj en universitatoj, direktoroj de edukado, inspektoroj, eĉ ministroj.

La prezidantoj kaj sekretarioj de la fakaj kunvenoj preskaŭ ĉiam estis oficistoj de la diversaj filiaj asocioj aŭ aliaj bonkonataj eminentuloj.

Kiam alia lingvo krom la angla estis parolata, oni aŭ tradukis la tuton rekte en la anglan lingvon, aŭ, post kelkaj komencfrazoj parolataj aŭ angle aŭ nacialingve de la aŭtoro mem, iu legis la paroladon angle, dum la vera verkisto staris apude. Ordinare ne estis tempo por libera diskutado, ĉar la ĉefaj parolantoj kaj la speciale elektitaj postparolantoj bezonis la tempon. Sed se tio okazis, mi mem aŭdis nur tiujn kiuj nacie parolis anglalingve.

En la privataj aferkunvenoj, laŭdire, oni ĉefe uzis la interpretistojn, ĉar tie okazis pli intima kaj grava detaldiskutado. Fakte oni diris ke sperta rusa interpretistino, en unu laborkunveno, vere estis la kunveno!

Facile estas kompreni, ke en tiaj Konferencoj, tiel bone antaŭaranĝitaj, kie parolis spertuloj el diversaj nacioj, oni ne povas ekstari kaj subite kaj krude propagandi aŭ eĉ aludi Esperanton. Tio sajnus la ago de persono neĝentile misuzanta privilegion, kaj tia sintrudo certe ne estus taŭga.

El ĉiuj kunvenoj, mi finfine elektis tiujn en kiuj, se okazo venus, mi povus uzi mian propran sperton por partopreni diskutadon. Ĉiu parolanto, ekstariĝinte, devas anonci sian nomon kaj asocion. Kun plezuro mi trovis ke mi povis ion kontribui kelkfoje.

Ekzemple, en iu kunveno, oni pritraktis la influon de la Arto en la disvolviĝo de Internacia Interkompreniĝo en la popollernejo. Antaŭnelonge en Anglujo mi kolektis por ekspozicio diversajn aĵojn ricevitajn de gelernantoj pere de Esperanta korespondado. Inter ili estis originalaj desegnaĵoj; presitaj artaj naciaĵoj, klasikaj kaj modernaj, komercaj kaj turistaj; gazetoj k. t. p. Ĉi tiu kolekto montris kiel malkare kaj diverstipe oni povas havigi materialon por la studado de la Arto.

Post tiu kunveno kelkaj venis por havi pluan informon aŭ por konsenti kun mi.

Ankaŭ mi havis la okazon partopreni diskutadon pri brodkastado, kaj post la paroladoj de japana kaj aŭstria spertuloj, estis kontentige aludi la fakton ke en la landoj de la parolintoj okazis esperantaj dissendoj.

Post alia kunveno, estis interese aŭdi, parolante kun unu el la membroj, ke la Komitato de la Internacia Filminstituto en Romo konsideris la uzadon de Esperanto en sia monate eldonita gazeto, sed fine malakceptis la proponon pro la argumento ke Esperanto ne estas sufiĉe uzata. Oni presigas la gazeton angle, hispane, germane, france.

Multaj parolantoj faris fervoran kaj elokventan aludon al la neceso por veraj internaciaj interrilatoj en la nuntempa mondstato, sed tiu kiu plej profunde impresis la aŭskultantaron estis Sro. Dumas, la Sekretario de la Franca Geinstruista Asocio. Sincere kaj kuraĝe, tamen milde, li konstatis ke larĝanima kaj libera spirito en la lernejo estas absolute fundamenta, kaj por havigi tion la instruisto ankaŭ devas esti libera. Kun bedaŭro li notis la fakton ke la reprezentantoj de kelkaj naciaj asocioj forestis.

Mi ankaŭ speciale rimarkis la viglajn kaj praktikajn paroladojn de la irlanda grupo. Unu el ili memorigis pri la fakto ke eĉ kiam la du registaroj estis malpacemaj, la geinstruistoj de Irlando kaj Anglujo reciproke daŭrigis bonan sintenon.

En alia fakkunveno Drino, Montessori, mondkonata, pledis dignoplene por simpatiaj interrilatoj inter la hejmo kaj la lernejo. Samloke estrino de vartejo en Liverpool (Nord Anglujo) klarigis kiel ŝi starigis veran kooperadon inter la malriĉaj gepatroj de la distrikto, kaj la instruistinoj en sia lernejo. Popolmaniere ŝi parolis, laŭ loka dialekto, tamen amuze, sperte kaj tute konvinke.

Alian tagon mi aŭskultis kun multe da intereso la raporton de Dro. Zierold, Direktoro de la Nacia Centro por Edukaj Filmoj en Germanujo. Koncize kaj klare li skizis la celojn kaj sukcesojn de Filmedukado en la lernejoj.

Dro. Gangulee, Profesoro en la Universitato de Calcutta, estis ankaŭ elstaranta parolanto pri klerigo per la filmoj. Li substrekis la neceson eviti misreprezentadon de unu nacio rilate alian nur por fari sensacian dramon, kaj plendis pri la manko de taŭgaj filmoj por la azia kinejo. Estas necese, li diris, plifortigi la Internacian Filminstituton, starigitan de la Ligo de Nacioj, kaj diskonigi ĝian gazeton. Memvolaj asocioj ofte povas pli bone fari tion ol oficialaj organizoj.

Fervora kaj interesa parolado estis tiu de Sro. Hugh Guthrie de la Eduka Instituto de Skotlando, kiu prezentis la vidpunkton ke la Nacia Kaso pli malavare helpu al la Loka Kaso en la sfero de edukado kaj ke la lokaj impostoj estu fiksitaj ne laŭ la luprezo de la domoj, kiel kutime, sed laŭ la salajroj de la enloĝantoj.

Inda klarigo estis farita de Sro. Mercier pri la laboro de la Instituto de Intelekta Kooperado (en Parizo) starigita de la Ligo de Nacioj.

Tra la tuta kongresaro oni sentis la influon de la personeco de Sro. F. Mander, impona kaj kapabla prezidanto kies ordinara ofico estas Generala Sekretario de N. U. T. Senlace kaj senerare li plenumis la devojn kiujn li entreprenis, kaj dum la semajno, pro siaj servoj al la edukado, li ricevis la honoran diplomon M. A. de la Universitato de Oksfordo.

Mi povas paroli nur pri miaj propraj spertoj. Sendube en ĉiuj kunvenoj okazis notindajoj. Espereble mi diris sufiĉon por montri ke tia konferenco estis vera eduka festeno, kun multaj fortaj influoj al internacia frateco.

Ni esperu ke niaj japanaj instruistoj kaj edukistoj kiam la Mondkonferencaro okazos post du jaroj en Tokio, grandnombre partoprenos kaj pruvos la efikecon de nia internacia lingvo, ne nur uzante ĝin por interkomprenado kun la eŭropanoj, sed ankaŭ citante siajn personajn spertojn en la internacia sfero, ĉar tiumaniere niaj Esperantistoj ludos indan rolon sur la mondscenejo. *Violet C. Nixon.*

---

# La sociaj kaŭzoj de vagabondeco ĉe infanoj

Pripensante la etjologion de krimo ĝenerale kaj la etjologion de krimo ĉe infanoj speciale, oni ne povas preterlasi la vagabondecon, kiu ĉe la infanoj estas plej ofte la unua paŝo en la malliberejon. Krom tre malmultaj esceptoj, ĉiu plenaĝa krimulo, ĝuste tiu, kiu utiligas la krimon profesie, tiu plej malutila kaj danĝera speco de krimulo, estis en la periodo de sia infanaĝo edukito de plibonig-domo, en kiun li venis pro iu malgrava trapaŝo de la leĝo. Unu paŝo antaŭ tiu plibonig-domo estis la vagabondeco — kaj unu paŝon poste venis la malliberejo, komence por mallonga tempo, kelk-monata, sekvate de pli severaj verdiktoj.

Tiamaniere el la vagabondo fariĝis krimulo, poste krimulo profesia, kontraŭ kiu jam vane batalas la leĝo kaj puno kaj fine oni devas nur pensi kiel sendanĝerigi tiun homon. Ĉar tiel degeneritan homon plibonigi jam estas preskaŭ neeble. Se la vagabondeco ĝenerale kaj la vagabondeco de infanoj speciale, tiom okupas lastatempe la sciencon kaj ĝi fariĝis problemo de grava socia signifo, ĝi okazis ne pro iu alia kaŭzo, nur pro tio, ke la faritaj esploroj kaj observoj ĉe homoj agantaj krime elmontris, ke la plej granda parto el ili sian elementan »krimulan lernejon« faris ĉe la vagabondeco. Kelkaj scienculoj volas kompreni ke la vagabondeco ĉe infanoj estas psikologia aspekto, ke ĉe la infano troviĝas iaj speciale vagabondaj propozicioj. Tiajn ennaskiĝajn propoziciojn la infano ne posedas ; — sed oni povas aserti, ke la psiko de iuj infanoj, kiu estas rezultato de tuta komplekso de deekstere venantaj influoj, posedas ian inklinon — aŭ pli bone dirite — ne estas tiom rezistema kontraŭ diversaj influoj kaj same kontraŭ vagabondeco. Diversaj esploroj sciencaj montris, ke la sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj de la medio en kiu vivas kaj edukiĝas la infano, havas decidan influon je la formiĝo de ĝia moralo. La ekonomiaj kondiĉoj en kiuj kreskas grandaj aroj da infanoj, nepre lasas siajn post-signojn sur ilia psiko, kiu formiĝas alie ol ĉe la infano vivanta en bonaj kondiĉoj. Mi ne citos tie ĉi ekzemplojn de influo de la »ekstera mondo« al la psiko de la infano. Tiuj ekzemploj estas renkonteblaj sur ĉiu paŝo de nia vivo kaj ĉiu ilin konas, laŭ, aŭ eĉ malgraŭ vole... Tie ĉi mi prezentos kaj pri-

parolos sciencan esploron faritan en speciala instituto en Varsovio. La juĝejo por neaĝuloj en Varsovio, kiam ĝi havas junan krimulon, kiun estas malfacile klasifiki al tiu aŭ al alia kategorio da krimuloj, tiam ĝi sendas tiun krimulon al la Pedagogia Konsultejo por bona kaj preciza esplorado. Dum du jaroj la nomita instituto esploris 296 junajn krimulojn el kiuj 114, aŭ 39 procentoj estis vagabondoj.*) Kaj nun, ĉar inter la junulaj krimuloj la vagabondoj okupas tiom multan lokon, ni esploru precize: 1. la kaŭzojn de la vagabondeco, 2. kiaj klasoj de la socio kaj kiomgrade ĉiu el ili partoprenas en la vagabondeco. Ekzistas scienculoj, kiuj asertas, ke la kaŭzoj de la vagabondeco estas eksteraj kaj ne internaj, al la unua kategorio de tiuj kaŭzoj ili konsideras la sociajn kondiĉojn, kiel la ekonomian vivon de la koncerna infano, la loĝejajn kondiĉojn, la familian vivon, la okupon de la gepatroj kaj fine la influon de la »strato«. Rilate la internajn kaŭzojn, tiajn ili trovas ĉe infanoj malnormalaj, ne plenevoluitaj k. c. La infanojn, kiuj vagas sub la influo de la unuaj kaŭzoj, ili nomas normalaj, la duajn patologiaj. Kiom trafa aŭ maltrafa estas la prezentita klasifikado, montros nia materialo bazita sur esploroj de 100 infanoj-vagabondoj. La unua instigo deviganta la infanon al reakcio sendube estas la malsato. »Mi estas malsata«! — ho, kiom da krueleco kaj tragedio kaŝiĝas en tiu eta frazo, tiom ofte aŭdata?... kiam samtempe aliaj infanoj ploras, ĉar panjo devigas al — manĝo. La malriĉa infano konas la malsaton jam de sia infaneco, de la naskiĝo, aŭ eĉ pli — ĉar jam kiel embrio ĝi ne estas nutrata ĝissate. — La cent esploritaj infanoj, preskaŭ ĉiuj devenis el la laboristaj klasoj kaj el la plej mizere vivantaj proletoj. La familioj de tiuj infanoj en multaj kazoj ĉerpis sian vivtenon el strata vendado, socia subteno, almozado ktp. Kaj multfoje, ĝuste tiu malgranda vagulo devis nutri la tutan familion per gazetdisportado, vendado de bombonoj en la strato, almozpetado k. c. El 57 esploroj 31 montris, ke tuta kelkpersona familio vivas tutan monaton per de 1 ĝis 40 zlotoj (4—16 germanaj markoj). Ni nun imagu la mizeron, kiu plej ofte montriĝis en la loĝejo-kondiĉoj. De 91 vaguloj 61 loĝis en 1-ĉambra loĝejo (en kiu la nombro da loĝantoj atingis la ciferon 11 personoj!), 16 en 2-ĉambra, 13 en 3-ĉambra, unu estis sendomulo de longa tempo. El ĉiuj esploritoj 36 havis por si liton, 30 havis liton por 2 personoj komune, 10 havis liton komunan por 3 personoj, kaj la resto dormis: »sur benko, sur la tero, aŭ kie okazis«. — Tiuj vivkondiĉoj certe lasas profundajn postesignojn je la psiko de la infano, kiun ili ankaŭ modelas kaj formas. La dua ekstera kaŭzo de vagabondeco estas la familiaj kondiĉoj. De la 100 esploritaj infanoj preskaŭ neniu vivis en bonaj kondiĉoj familiaj kaj inter ili estis 52 orfoj aŭ duon-orfoj. Konsiderinte la grandan influon de la hejmo al la infana psiko, ni komprenos, kio

*) Laŭ multaj statistikistoj la procento da vagabondoj inter la krimuloj atingas la ciferon 65—70. Tio signifas, ke 65—70% de la krimuloj estis vagabondoj.

mankas al la infano, ne havanta tiun unuan medion; kaj pli grave, la infano, kiu ne havas hejmon, anstataŭas ĝin per la »strato«. Niaj ekzemploj montris grandan procenton da infanoj kies gepatroj estis alkoholuloj, kaj ĉirkaŭ 50% de la infanoj mem montris alkutimiĝon al alkoholo. Laŭ la adresoj de la esploritoj montriĝis, ke krom esceptoj, ĉiuj loĝis en la antaŭurbaj kvartaloj en la plej malriĉaj urbopartoj, kie malpaco, interbatiĝo, ebriiĝo kaj krimo estas »normala« aperaĵo. La prezentita medio, kiu tute certe influas la infanon estas pasiva, ĝi influas la infanon, kiu simple alkutimiĝas al tiuj kondiĉoj, kiujn ĝi konsideras normalaj. Sed krom tiu pasiva medio ekzistas ankaŭ aktiva medio; La infano de riĉa familio ne nur havas manĝon kaj loĝejon, sed ĝiaj aliaj voloj, deziroj kaj bezonoj estas kontentigataj, ĝiaj instinktoj estas bridataj kaj formataj, ĝia energio estas direktata al bona kaj utila vojo. Sporto, ludoj, distraĵoj, ekskursoj, teatro, kino kaj multaj similaj agrablaĵoj utilaj, jen estas tio, kion mi nomis aktiva medio, artekreita por la riĉa infano, kiu kreskas kvazaŭ palmo kultivata. Ĉi ĉion ne posedas la malriĉa infano kaj tiu neposedo estas des pli forte doloriga, ĉar la malriĉa infano tion ĉi vidas ĉe sia riĉa samaĝulo. La ekonomiaj kondiĉoj en plej multaj kazoj estas la solaj motivoj de vagabondeco ĉe infanoj. La infano forkuras el la domo, kiam ĝi opinias la vivon ekster la domo pli bona: la infano multfoje forlasas la hejmon pro timo de la ebriega patro, minacanta ĝin mortigi. En tiu kazo la infano preferas pasigi la nokton ie en kelo, sub ponto, aŭ ie ajn, opiniante ĉi ĉion pli utila ol la danĝera restado kun la ebria patro, batanta la infanon sen iu kaŭzo. Kompreneble, tiu infano *ne* deziras la vagadon, ĝi elektas tiun vivoformon kiel *malum necessarium*. Cetere, la forkuro de la domo ĉe infano normala, normale edukita kaj vivanta en normalaj vivkondiĉoj, miaopinie ne okazas. Ni vidu nun ĉu ekzistas ia dependeco inter la vagabondeco kaj la aĝo de la vagantaj infanoj. Nia materialo montras, ke la plej granda nombro da vaguloj estas infanoj en la aĝo de 10—13 jaroj. Oni povus pensi, ke la maturiĝado de infano ludas tie ĉi decidan rolon; sed kiam ni ekzakte analizas tiun okazaĵon, ĝuste en konsidero de la maturiĝado, ni trovas, ke tiu periodo ĉe la infano multe malfortigas la rezistemon kontraŭ la pensoj: »resti en la domo aŭ forkuri«, kaj tiu periodo ankaŭ pli forte kuraĝigas la infanon por ke ĝi elektu: »resti en la domo, ĉiunokte esti vekata de la mizera dormloko, suferi malvarmon, malsaton kaj piedbatojn — aŭ forkuri, forlasi tiun malbenitan inferon, iri en la mondon kaj serĉi pli bonan vivon« ... Sed *neniam* la nuraj dispozicioj en tiu aĝo puŝos la infanon al forkuro, neniam normala infano forlasos sian molan liteton kaj bongustan vespermanĝon por serĉi tranokton en la strato. Kelkaj scienculoj asertas, ke ekzistas forkuroj de infanoj, kiuj okazis sub la influo de kino aŭ tralegitaj libroj, pro la fantazio. Kiel respondo kontraŭ tiu aserto mi havas du argumentojn: 1. la statistiko montras, ke la vaguloj estas infanoj vivintaj en la plej mizeraj, tute ne imageblaj ekonomiaj kondiĉoj, do la forkuro okazis ĝuste sub la influo de la vivkondiĉoj, 2. la riĉa infano havas kon-

tentigon de sia fantazio per diversaj ekskursoj kaj vojaĝoj. Komprenebl̄e, oni trovas escepton. Mi mem konas tian. Mia samaĝulo, 14-jara knabo, filo de riĉa familio, malaperis unu tagon, kune kun dika monujo de la patro. Post kelkaj tagoj, oni trovis lin en la ĉefurbo ĉiboĉantan. Ĉu do li havis inklinon al ŝtelo kaj vagabondeco? Tute ne. Li estis malnormale edukita en la tro riĉa familio, kiu cetere tute neglektis la edukon de la infanoj, lasante tion al malseriozaj servistinoj, kaj montranta al la infanoj ekzemplon de diboĉa kaj sencela vivo de kartludo kaj drinkado.

Tiamaniere ankaŭ mia ekzemplo pruvas, ke nur la eksteraj kaŭzoj (tiun fojon degeneracio) influas al forkuro kaj vagabondeco ĉe la infanoj. La infano estas forte kunligita kun la domo kaj sole la fantazio ne sukcesos disŝiri tiujn ligilojn. En ĉiu forkuro troviĝas konflikto de la infano kun la ĉirkaŭo; multfoje tro severa traktado, maljusta, ne bezona punado kaj simile, puŝas la infanon al forkuro kaj vagabondeco. Laŭ la faritaj esploroj montriĝis, ke la plej multaj forkuroj okazis pro neprеco, kaj ke tiu vagado estis komencita kun akompano de ploro kaj rezignado...

Ni venas al la konkludoj; El la esploritaj vaguloj montriĝis, ke la vagabondeco de infanoj havas sian fonton en la ekonomiaj kondiĉoj en kiuj vivas la vastaj homamasoj. La opinioj de kelkaj psikologoj, serĉantaj la fonton de vagabondeco ĉe infano en psikologiaj motivoj montriĝis senbazaj. Tial, finante ni diras; la batalo kontraŭ la vagabondeco de infanoj, kiu estas la unua paŝo al krimo, devas aliri ĝustan vojon, — oni devas sekigi la fonton el kiu ŝprucas tiu socia malsanego. Por tion atingi, oni devas plibonigi la ekonomiajn kondiĉojn de la vastaj klasoj de la popolo.

*Henryk Gielb*

---

# La edukado de la junularo kaj la rolo de la lernejo en la faŝista Italio*

*Gekolegoj!*

La faŝista itala registaro, jam dekomence (en 1922) prizorgis precipe la edukadon de la junularo, ĉu pro sia nature energia kaj juneca karaktero, ĉu pro sia revoluciemo kaj tutemo. Fakte, la faŝista Italio juĝas la edukan mision sia fundamenta funkcio kaj prizorgas ĝian disvolvadon kun fervoro kaj organizis sistemon ĝis nun nekonatan eĉ en la ŝtatoj, kie la junulara edukado estas plej zorgata. La afero estas memkomprenebla, ĉar ĝuste al la junularo la faŝismo konfidas la taskon ĉiamigi la faŝistan kredon kaj daŭrigi la faŝistan agadon.

*) Prelego farita en la Roma Universitato la sepan de aŭgusto 1935 de la blinda profesoro doktoro Vincenzo Musello dum la de li prezidita fakkunsido de T. A. G. E. en Romo okaze de la 29-a U. K. de Esperanto.

La eduka agado de la faŝista ŝtato en Italio etendiĝas de la malavaraj kaj kompletaj antaŭzorgadoj kaj prizorgadoj por la defendo de la patrineco kaj infaneco ĝis la renovigo de ĉiuj lernejaj institucioj kaj kompletiĝas per la starigo de novaj institucioj por la fizika, kultura kaj morala maturiĝo de la estonta civitano.

Per la starigo de »Nacia Institucio Por Patrineco kaj Infaneco (Opera Nazionale per la Maternità e l Infanzia)«, la faŝismo kuraĝe ekatakis unu el la plej grandaj socialaj problemoj de la nuna mondo.

Antaŭ la jaro 1925 ne ekzistis en Italio organa leĝsistemo, kiu normigu la defendon kaj prizorgon al patrineco kaj infaneco: ekzistis nur malmultaj fragmentaj aranĝoj, kaj preskaŭ ĉio dependis de la privata bonfaremo.

Sed la prizorgado, por ke ĝi povu atingi sian celon, devas esti enkadrigata en organan planon de sociala , politika kaj morala edukado. Benito Mussolini plene komprenis la neceson ke la ŝtato ne malatentu tiun ĉi problemon, se ĝi celas la estiĝon de sanaj kaj fortaj generacioj.

Do, la faŝista leĝo por la patrineco kaj infaneco estas unu el la plej grandaj monumentoj starigitaj de la faŝista Italio en la prizorgadkampo por efektivigi en Italio la nuntempan koncepton de sociala prizorgado. Fundamenta karaktero de »Opera Nazionale Maternità e Infanzia« estas ne »plenumi memcelajn individuajn bonfarajojn«, sed »per individua prizorgado klopodi al la sociala celo konservi kaj pliigi la rason«.

La »Opera Nazionale Maternità e Infanzia« per siaj provincaj federacioj kaj patronadaj komitatoj ageme plenumas la servojn de »defendo kaj prizorgo al la patrinoj dum la tuta antaŭnaska, naska kaj postnaska tempo«, la servojn de »patrina helpo kaj prizorgo al la novnaskitoj«, la »fizikan kaj moralan defendon al la infanoj dum la antaŭlerneja kaj eĉ lerneja periodo«, la »defendon kaj prizorgadon al la nenormalaj, forlasitaj, devojigitaj kaj krimaj infanoj«, kaj, fine, la »prizorgon eĉ al la infanoj rekonitaj kaj mamnutritaj de iliaj patrinoj«.

Tial ĝi akcelas »la fizikan kaj moralan defendon kaj plibonigon de la raso« per »senĉesa kontrolo, propagando kaj elplenigo de ĉiuj aliaj prizorgadaj iniciatoj«. Tiel, la »Opera Nazionale Maternità e In-

fanzia« havas esence politikan taskon, t. e. taskon de demografia politiko, kiu donas al ĝi tute specialan karakteron kaj diferenciĝas ĝin de la bonfaradoj kaj eĉ de la prizorgadaj institucioj, kiuj, eĉ kiam ili havas socialajn celojn, tute ne leviĝas al la sinteza celo »defendi la rason en ĝia tuteco«.

Sed la rekta eduka agado komenciĝas en la infanĝardenoj, kiuj, post la »reformacio-Gentile« de la jaro 1923, havis notindan evoluon kaj ĝisfunde renoviĝis, dank' al la naciaj didaktikaj metodoj ĉiamaniere favorataj.

Krome, la problemo de la lernejaj konstruaĵoj estas plene atakita. Sed, multe pli ol en la plibonigo de eksteraj kaj materiaj kondiĉoj, la eduka agado de la faŝismo konsistas (kiel jam dirite) en la »reformacio-Gentile« de la jaro 1923, kiu »baziĝas sur la plej firma tradicio de la itala Humanismo« kaj samtempe »nutras sin per tio, kion la lasta jarcento elpensis kaj eltrovis«.

La transformado de la »Ministerio por Publika Instruado« en »Ministerion por Nacia Edukado« sigeligas kaj simboligas la faŝistan spiriton de la lerneja reformacio.

En la kampo de la populara edukado sufiĉos aludi ĉu al la »kamparaj lernejoj (scuole rurali)« pluiĝintaj dum la lastaj jaroj je miloj da klasoj kaj ege kunhelpataj de la lernejaj radiaj elsendaĵoj de la »Kampar-radia Institucio (Ente Radio Rurale)«, ĉu al la »Vesperlernejoj« (Scuole Serali)«, al kiuj estas plejparte ŝuldata la malapero de analfabetismo jam elvenkita en multaj italaj regionoj.

Per la lerneja reformacio oni reorganizis ankaŭ la tutan mezlernejon: fakte, oni renovigis malnovajn institutojn kaj kreis institutojn novajn kaj pli taŭgajn por la malsamaj bezonoj de la nacio, oni enkondukis la ŝtatajn ekzamenojn, kaj la ekzamenprogramojn oni funde reviziis sur tute nova bazo kaj kun la ĉefcelo »garantii la humanisman, sciencan kaj pedagogian seriozecon de la mezlernejo«. Per postaj leĝoj, oni reorganizis eĉ la »profesiajn tekniklernejojn (Scuole Tecnice Professionali)«: la plej grava reorganizo ĉi-rilate okazis en la »lernejoj por profesia enkonduko (Scuole di avviamento professionale)«, ĝuste celantaj prepari grandajn popolamasojn al la plej malsamaj profesioj.

Sed la eduka agado de la Faŝista Reĝimo, krom en la lernejoj, disvolviĝas vigle kaj organe per tuta serio da helplernejaj institutoj, kiujn ĝi kreis aŭ renovigis. Inter ili la »Nacia Institucio Balilla (Opera Nazionale Balilla)« estas starigita de la Duĉe ĝuste por eduki, ekster la lernejo, la junajn generaciojn, ilin preparante al la faŝista vivo »per severa kaj tamen gaja disciplino, ĉu en la agemo akriganta la karakteron, ĉu en la ekzercadoj plifortigantaj la korpon«: ĝi, do, estiĝas la plej grandiozan klopodon de tuteca edukado. Por la gejunuloj konfiditaj al sia edukado, la »Opera Nazionale Balilla« kreis tutan medion, en kiu ili povas ne nur »per la praktiko la enkondukajn regulojn de bone ordigita nacia vivo«, sed eĉ »komenci, laŭgrade kaj laŭaĝe, sian partoprenon al la vivo de la faŝista ŝtato«.

La »Opera Nazionale Balilla«, la granda faŝista institucio, kiu en 1936 festos la dekan jaron de sia fondiĝo, konsistas el kvar grupoj: »Balilla«, »Piccole Italiane (etaj italinoj)«, »Avanguardisti (Antaŭgvardianoj)«, kaj »Giovani Italiane (junaj italinoj)«.

La du unuaj grupoj (»Balilla« kaj »Piccole Italiane«) konsistas el la knaboj kaj knabinoj ekde la sesa ĝis la dekkvara jaro (verdire, de la sesa ĝis la oka jaro ili nomiĝas »Figli della Lupa« [gelupidoj]); kaj la du aliaj grupoj (»Avanguardisti« kaj »Giovani Italiane«) konsistas el la junuletoj kaj junulinetoj ekde la dekkvara ĝis la dekoka jaro. Dum la virinaj grupoj (»Piccole Italiane« kaj »Giovani Italiane«) estas kunigitaj nur pli malfrue, kontraŭe la viraj grupoj (»Balilla« kaj »Avanguardisti«) ekzistis jam antaŭ la fondiĝo de la »Opera Nazionale Balilla« (1926), kaj iliaj unuaj agadoj okazis antaŭ la almarŝo al Romo, t. e. en la epoko de la »Squadrismo« (io kiel »taĉmentismo«); tial, de la »Balilla-oj« kaj, eĉ pli, de la Antaŭgvardianoj, kiuj en la plej teruraj horoj havis siajn mortintojn kaj vunditojn, la »Opera Nazionale Balilla« heredis rigide faŝistan kaj revolucieman tradicion, kaj ĝia tasko en la reĝimkadro estas »prepari la estontajn faŝistojn«: tasko des pli grava, ĉar hodiaŭ oni povas faŝistiĝi nur tra la »Faŝista Rekrutigo (Leva Faŝista)« okazanta ĉiujare la 24-an de majo, t. e. en la datreveno de la eniro de Italio en la mondmiliton.

Al ĉi-tiu superega celo koncentriĝas ĉiuj fakoj de la »Balillista Edukado«: gimnastikaj kaj sportaj ekzercadoj, organiza praktiko, religia edukado, kursoj pri ĝenerala kaj precipe politika kulturo, kaj, fine, tiu esence eduka instruado konsistanta en la »partopreno de la organizita junularo al la prizorgadaj fakoj de la instucio.« En la »Case del Balilla (Balilla-hejmoj)« jam nun ekzistantaj en ĉiu komunumo, kaj en la »Case della Piccola Italiana (Et-Italina-hejmoj)« baldaŭ ekzistantaj en ĉiuj partoj de Italio, la faŝista junularo trovas bibliotekojn, salonojn kaj ilojn por la diversaj profesiaj kursoj, amuzejojn kaj gimnastikejojn. La ĉiujaraj grandiozaj tendaroj, nomataj »Campi Dux (kampoj de la Duĉe)«, la naciaj tendaroj por la »Corsi di Capi Centuria e Cadetti (Centestraj kaj Centsoldataj kursoj)« kaj la naciaj kunvenoj de la fakaj divizioj (maristoj, atletoj k. t. p.) montras la potencon de la organizo, ĉar ili okazigas imponajn manifestaciojn, ĉu gimnastikajn kaj sportajn (malpezan atletikon, liberkorpajn ekzercadojn, k. t. p.), ĉu kulturajn (faŝistan kulturon ĥoran kanton k. t. p.). La ŝipkrozadoj kaj la aliaj opaj vojaĝoj donas al la plej meritplenaj »Avanguardisti« la okazon viziti la fremdajn landojn kun kiuj Italio havas plej oftajn kulturajn kaj komercajn rilatojn; kaj, dum la mediteraneaj krozadoj,

taŭgas por la mara propagando kaj por vizitiĝi al la junularo la lokojn kie Romo lasis sian neforstrekeblan postsignon, la aliaj vojaĝoj naskas eksterlande simpation kaj admiron al la faŝismo. Fine, la sociala kaj kuracista prizorgado estas por la »Opera Nazionale Balilla« necesa kompletiĝo al la edukado: ĝia celo estas »garantii minimumon da konveneco kaj bonstato«, sen kiu estus senefika kiu ajn klopodo havigi al la junularo fortan kaj honestan karakteron.

Tiaj, en siaj ĉeflinioj, la edukado de la junularo kaj la rolo de la lernejoj en la faŝista Italio.

Do, laŭ la faŝista doktrino, la gejunuloj devas precipe havi la fieron »esti si mem«; alivorte, ili devas esti plene konsciaj ke »la vivo donas al ĉiu homo personan taskon plenumotan de li, kaj nur de li, laŭ tute persona maniero.«

Tamen, tia fiero, kiam ĝi estas ne »stulta tromemkontenteco« sed »profunda konscio de nia plej intima personeco«, neniam elĉerpiĝas en ni mem, sed etendiĝas al nia familio, al nia patrujo, al nia partio, kaj al nia eklezio.

Vera saĝulo ne fieras nur pri si mem, pri siaj agoj kaj pri siaj verkoj, sed havas la pli altan fieron »esti agema kaj konscia ano de societo kun kiu li kvazaŭ kunfandiĝas en mistikan unuecon.« Homo, kiu ne atingas ĉi tiun religian senton de la homa societo, neniam kapablos atingi eĉ sian plej veran personecon, kaj, dum li naive kredas »sin firme montri«, verdire li nur postsekvas senkorpan ombron.

Nu, la »Reformacio Gentile« de la jaro 1923 kaj la stariĝo de la »Opera Nazionale Balilla« estas ambaŭ sugestiitaj ĝuste de ĉi-tiu faŝista koncepto pri la spirita vivo de la junularo.

Fakte la »Reformacio Gentile«, unuflanke estas la plej ega provo ĝis nun farita en la mondo por akceli la personecon de la gelernantoj kaj akordigi la lernadon kun la vivo, kaj aliflanke, estas la plej energia kaj konscia reago kontraŭ ĉia atoma kaj izola individuismo.

Tial, ĝi rilatas al la estonteco mem de Italio kaj postulas, por iĝi vere fruktodona, ege kompreneman kaj simpatieman atmosferon; kaj estas devo de la faŝista junularo krei ĉirkaŭ ĝi tian atmosferon, kiu permesos ke ĝi konformiĝu pli kaj pli kun la karaktero de la itala popolo kaj kun la tradicioj de la itala historio. Por akceli tion, kaj, samtempe, por doni al la lernejoj pli taŭgan konscion de la atingota celo, la »Reformacio Gentile« mem penis, antaŭ ĉio, redoni al ĉiugrada lernejo fidon en la spontaneaj spiritfortoj, kaj konfidis al ĝi, kiel taskon, ne »la enciklopedismon de la gelernantoj«, sed »la ĉiaman konsenton kun la nacia vivo, de kiu ĉia nacia lernejo devas esti projekcio kaj laŭgrada pliprofundiĝo.«

La enciklopediaj konoj estas la plej konformaj al la plimulto, kiu, premata de materiaj postuloj, emas taksi ĉian homan aktivecon ne »laŭkvalite« sed »laŭkvante«: kaj, se mi rimarkigus al iu el la plimulto ke »la scienco ne ekzistas disigita de la ĝin kreanta kaj nutranta homa spirito« kaj ke »eduki« signifas ne »disdoni konojn« sed »naski kaj

reguligi energiojn«, li kontraŭargumentus ke la infanoj ne havas tempon por perdi kaj rajtas eltiri tujajn konkretajn avantaĝojn el siaj peno, kaj klopodoj.« Tio klarigas la fakton ke, ĉe la tumulta alveno (en la unua jardudeko de nia jarcento) de la popolaj klasoj en la socialan kaj politikan vivon, la enciklopedismo estis pli kaj pli penetrinta la italan lernadon kaj estis esence difektinta preskaŭ ĉiujn lernejojn, nome ne nur la elementan teknikan kaj instruistan lernejojn, sed eĉ la gimnazion kaj liceon, kiuj ĉiam estis, el ĉiuj lernejaj institucioj, la plej aristokrate formigaj kaj elektigaj kaj la malplej zorgaj pri materiaj aferoj. El tio sekvis, memkompreneble, la plivastiĝo, laŭ enciklopedia vidpunkto, de la programoj por ĉiaj lernejoj, la triumfo de la diversaĵoj en la elementa instruado kaj de la »lernolibrismo« en la mezaj kaj superaj lernejoj, la studo de la filozofio »mallongigita per kompendioj de psikologio, logikoj kaj etiko, sen eĉ unu paĝo el la verkoj de la grandaj pensuloj«, la instruado de la lingvoj »nur laŭ gramatika metodo kaj sen iu praktiko kaj iu legado el la klasikaj verkistoj«, kaj, fine, la kulto por la antologioj, la resumoj kaj la kompendioj.

Kaj tamen, tiam oni malatentis jenajn modestajn pripensaĵojn: Unue, ke »niaj poezio- instruistoj povas esti nur la poetoj«, due, ke »al la filozofio povas enkonduki nur la pensuloj kiuj dediĉis al la spekulativo siajn intelektajn kaj moralajn energiojn«, kaj, fine, ke »en la spirita vivo ne ekzistas plimallongvojaj surogatoj, ĉar estas nia propraĵo nur tio, kion ni penege konkeris per nia persona aktiveco«.

Nu, ĝuste al ĉi tiuj modestaj kaj ĝis tiam malatentitaj pripensaĵoj klopodis turni la atenton de la ĉiugrada instruistaro la »Reformacio Gentile«, kiun Benito Mussolini rajte difinas »la plej faŝista el la reformacioj«.

Eĉ la ŝtataj ekzamenoj tute ne estas, laŭ malprava aserto, »nura antaŭrimedo de lerneja polico per kiu la ŝtato intencas kontroli la laboron de la geinstruistoj«; kontraŭe, ili penas atingi la altegan celon »unuigi la kriterion de la matureco (aŭ, alivorte, la tutecan juĝon pri la personeco de la kandidato) kaj forigi la enciklopedian kaj mnemoteknikan kriterion, kiu estas la malo de ĉiu konkreta kaj vivema klereco kaj la plej senhonta profano de la memstara formiĝado de la gejunuloj«. Fakte, per la ŝtataj ekzamenoj, la tradicie »terurigaj ekzamenoj« aliiĝas al »pruvoj pri la matureco de la gelernantoj kun la plej granda respekto al la memstareco de ilia intelekta formado«, ĉar la ekzamenanto postulas de la kandidatoj, ne »papage ripeti gurditajn lecionojn«, sed »pruvi pri iliaj akiraĵoj, kiuj, eĉ se ne multaj, devas ĉiam baziĝi sur propra sperto kaj freŝa kaj libera juĝo«; krome, la kandidatoj devas »esprimi siajn pensojn kun nepra precizeco kaj klarigi laŭ propra vidpunkto eĉ la malproprajn ideojn«; fine, ili devas esti pretaj »ne nur laŭvorte traduki, sed ankaŭ laŭspirite interpreti la klasikajn verkistojn, ĉu literaturajn, ĉu filozofiajn«.

Aliflanke, la nunaj programoj, por ĉiuj lernejoj, »estas tiamaniere aranĝitaj, ke ili, per si mem, devigas la instruistojn ade renovigi sian

kulturon, ĉerpante ne el la lernolibretoj kolektantaj rompopecojn da scienco sed el la ĉiam ŝprucantaj fontoj de la vera popolkulturo, nome: unue, la popola tradicio, tia kia ĝi vivas, ĉiam eduka, en la popolo ankoraŭ gardanta la dolĉan senton al la prapatraj vortoj; kaj due, la granda popolliteraturo, kiu ĉiutempe donis admirindajn poeziajn, religiajn kaj sciencajn verkojn, kompreneblajn (ĝuste pro ilia grandeco) eĉ de la nekleruloj.«

La nunaj programoj »malpermesas la eluzitaĵojn tiom longe reĝintajn en la infanlernejoj« kaj postulas »la veran poezion, la liberan serĉadon de la vero, la viglan scivolemon konforman al la maltrankvila kaj nesatigebla popolspirito, la ravon en la rigardado de la artaj lumbildoj kaj la komunikadon kun la granduloj parolantaj per la buŝo de la instruisto«.

Kaj la spirito de ĉi-tiuj novaj programoj jam penetris la lernejojn: oni kutimiĝis »senti pli da respekto antaŭ la originalaj kaj spontaneaj kreaĵoj de la infanoj«, oni jam ne mokas iliajn spertadon kaj iliajn plej intimajn interesojn, oni donas en la edukado »pli da loko al la korinklino kaj malpli da loko al la abstrakta analizo kaj al la moralaj predikoj«, kaj, fine, oni komprenis kian gravan rolon havas, por la edukado de la infanaro kaj de la junularo, »ilia rekta kaj aktiva partopreno al la sociala vivo, al la patriotaj kaj religiaj ceremonioj, al la konkursoj kaj al la kunvenoj«.

La lernejoj jam ne kontentiĝas eduki pri la t. n. »hejmaj kaj lernejaj virtoj«: ili taksas ankaŭ la »civitanajn virtojn«, t. e. kuraĝon, maltimegon, honorsenton, sporton kaj militistan disciplinon. La »Opera Nazionale Balilla« sukcesis intense vibrigi ĉi-tiujn kordojn treege impresantajn la infanajn kaj junulajn animojn tro neglektitajn kaj eĉ ignoritajn en la lasta jarcento.

Tiamaniere, la »Opera Nazionale Balilla« jam kunfandiĝis kun la konkreta vivo de la italaj lernejoj; kaj tio, gekolegoj, havos sennombrajn revoluciajn sekvojn en la formado de la estontaj generacioj.

*Gekolegoj!*

Antaŭ dek jaroj, la 5-an de decembro 1925, tie ĉi en Romo, ĉe la Aŭgusteo, okazis la kongreso de la korporacio de la lernejoj, kiun kongreson partoprenis ĉiugradaj geinstruistoj, ekde la elementaj geinstruistoj ĝis la mezlernejaj kaj universitataj profesoroj.

Nu, gekolegoj, permesu ke mi, kiel sintezon de mia prelego pri la edukado de la junularo kaj la rolo de la lernejoj en la faŝista Italio, traduku al vi la ĉefpunktojn de la prelego kiun Benito Mussolini adresis tiuokaze al la tuta itala instruistaro.

»Vi (diris la Duĉe) ne salutas min nur kiel registarestron, sed salutas min ankaŭ kiel vian kolegon; kolegon kiu, travivinte vian vivon, konas viajn moralajn kaj materiajn maltrankviligojn, konas viajn revojn kaj viajn bezonojn, kaj scias kiom da maldolĉaĵoj kaj kiom da senglora ĝojo interplektas vian ĉiutagan vivon.« Tio, kio okazis en oktobro 1922, ne estas nura ŝanĝo en ministerio, sed estas politika, morala, soci-

ala revoluciego«. »Tiel irante la aferoj, la registaro postulas, ke la lernejoj estu sugestiataj de la faŝistaj ideoj; ĝi postulas, ke la lernejoj ne nur ne estu malamikaj, sed eĉ ne estu fremdaj al la faŝismo aŭ agnostikaj kontraŭ la faŝismo; ĝi postulas, ke la tuta lernejo, en ĉiuj siaj gradoj kaj en ĉiuj siaj instruoj, eduku la italan junularon kompreni la faŝismon, renoviĝi en la faŝismo kaj vivi en la historia klimato kreita de la faŝista revolucio«. »Mi volas, ke la lernejo, la tuta lernejo, estu precipe eduka, formiga kaj morala.«

»Kaj tiam, gekolegoj, jen, via tasko iĝas gravega. Vi ne estas nur tiuj kiuj rompas la panon de la malgranda scienco aŭ de la granda scienco; sed vi estas ankaŭ apostoloj, vi estas ankaŭ sacerdotoj, vi estas homoj havantaj terurajn kaj vorte ne esprimeblajn respondecojn: laboradi sur la cerbo, sur la konscienco, sur la animoj.«

En tiuj ĉi vortoj de la Duĉe, gekolegoj, estas entenata la tuta faŝista koncepto pri la nacia edukado. Ne temas nur pri la ĝustasenca instruado: la vivo postulas pli plenan formadon; kaj tial, aldone al la lernejoj, la »Opera Nazionale Balilla«, en ĉiuj siaj sekcioj kaj fakoj, kompletigas kaj perfektigas la laboron de la geinstruistoj.

Kaj ĉi-tiu sistemo jam efikis. Jen junularo refortikita, kutimiĝinta plenpulme spiri, sincera, ema al la fizika laboro, al la sanigaj sportludoj kaj, se necese, al la risko; jen junularo matura, kiu povas ripeti, sen iu hipokriteco kaj kaplevite, kun sia profeto Giuseppe Mazzini, la genia fondinto de la asocio La juna Italio:

»al mi ne gravas la materia Italio (kiel momcela): al mi gravas la animo de Italio, ĝia misio en la mondo, ĝia morala grandeco, unuvorte ĝia edukado.

Al mi gravas ke ĝi havu sian rolon en la mondo.«

*Vincenzo Musella.*
*N. I. R. — L. K. K.*

---



Dum la Arnhema konferenco oni decidis proponi al Sveda Instruista Esperanto Federacio elekti novan prezidanton por TAGE. Nun SIEF faris sian proponon. Ni dezirus, ke fil. d-ro, lektoro Bjarne Beckman, Karlskrona, Svedujo estu elektata. Li estas membro de la estraro de SIEF kaj bona esperantisto. Li ankaŭ estas internacie konata per sia kunlaboro en Sveda Antologio. Li skribis la enkondukan instruan parton. Dum la Stokholma kongreso li prelegis en Somera Universitato same kiel en Romo. Li ankaŭ partoprenis la kongreson en Vieno, »Esperanto en la lernejo kaj

en la praktiko«. D-ro Beckman estas bona prelegisto ŝtate subtenata. Ni esperas, ke d-ro Beckman estos bona prezidanto. Elektu lin!

*Fritiof Ahnfeldt*, sekretario de SIEF

La laborkomitato de TAGE kun fervoro subtenas la kandidatiĝon de k-o Beckman. Ĝi scias, ke la prezidanteco en liaj manoj estos sekura.

La komitato proponas al la anoj, por ŝpari superfluajn, kaj ne nepre necesajn laborojn, elekti k-on Beckman de 1 Januaro 1936 kiel prezidanton de TAGE, se neniu alia landa grupo anoncos alian kandidaton antaŭ la 15-a de decembro proksima.

---

# La stato de T. A. G. E. en Jugoslavio

Jam antaŭ jaroj oni fondis en Maribor klubon de instruistoj esperantistaj. Ĝin gvidis la senlaca slovena pioniro profesoro Rakuša Rudolf. Sed la instruistoj ne montris sufiĉe da intereso kaj ĉio endormiĝis.

Sed oni sentis la mankon de faka organizajo kaj oni ofte alvokis en la landa esperanta gazeto, fondi tian organizaĵon.

Dum la Sesa en Beogrado 1933 aranĝis s-ro Golobič Peter instruistan fakkunvenon, en kiu oni fondis sekcion de instruistoj esperantistaj. Kiel prezidanto estis elektita s-ro Golobič Peter. La saman jaron aliĝis al la sekcio 17 geinstruistoj, inter ili du profesoroj: s-ro Rakuša Rudolf kaj s-ro Novljan Fran. Kiel kotizon oni fiksis 10 Din (0.63 sv. fr.).

En la jaro 1934 nombris la sekcio 20 membrojn. La prezidanto kontaktiĝis kun la administracio de TAGE. La rezulto de tiu interkorespondado estis, ke oni fondis sekcion de TAGE en Jugoslavio. Al la sekcio aliĝis en la jaro 1935 13 geinstruistoj, la kotizon pagis 10 geanoj.

La prezidanto estas en ĉiama kontakto kun la geanoj. Kelkaj anoj de la instruista sekcio ne intencas aliĝi al TAGE pro diversaj kaŭzoj (troaĵo, malfavora financa stato ktp.). Ili pagis do la kotizon por la sekcio (10 Din).

Dum la Oka en Osijek 1935 ne okazis kunveno. Venontjare dum la nacia Esperanto-kongreso en Ljubljana ni aranĝos fakkunvenon de TAGE. Eble kelkaj ankaŭ partoprenos la XXVIII-an en Wien. Ĉu TAGE ne povos havi sian kunvenon okaze de tiu kongreso?

Ni forte esperas, ke ankaŭ en nia lando la nombro de TAGE-anoj kontentige kreskos. Do, kuraĝe al la venko!

*G. P.*

---

VAKANTAJ LOKOJ
EN LA T. A. G. E. PERANTARO:

Aŭstra
Franca
Germana
Norvega

La kotizo de T. A. G. E. estas ned. guld. 2.50 aŭ egalvaloro.

---

**Korespondoficejo :** F-ino Martha Moelke, Hünensteig 8a. Berlin-Steglitz, Germanujo.



Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készitette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős